


# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 56 (3) MAJO - JUNIO/87

## ESTRARO DE A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vioprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Luis Muñiz
Kontisto: S-ro Manuel Fernández
Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez
Bibliotekisto: S-ro Julio Argüelles
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
S-ro Gervasio Colunga
S-ro José Ordieres
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

## ADRESO DE A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 GIJON - 6

- - - - - - - - -

## ENHAVO

Paĝo




Depósito legal n-ro O/319/85

## ESPERANTO KAJ PACO

Ni jam estas ĉe la plenumiĝo de la Grava Evento, de la Cent-Jariĝo, de la JUBILEO de ESPERANTO ! Jubileo, kiun dece orkronos la baldaŭ en Varsovio okazonta 72-a Universala Kongreso,- kiu laŭŝajne atingos amasrekordan partoprenon - fare de la plej multo el la tutmonda geesperantistaro kaj al kiu ni bondeziras plenan sukceson en ĉiu kaj ĉia ties eroj.

Sed, kara leganto, estu konscia pri tio ke, tuj post tiu Jubileo kiun ni supre mencias; tuj poste antaŭ la Esperantistaro malfermiĝas plua plugenda vojo sur kiu ni devas entuziasme,energie kaj senlace labori aplikante la dum tiu jam citita Jubileo akiritajn spertojn kaj evitante la spertintajn stumblojn. Nu, ĉi tiu nova plugenda vojo kiu antaŭ ni malfermiĝas, laŭ certe vi mem jam konjektis,kompreneble estas la ekirvojo al la Dua Jarcenta Jubileo,kiu ja nepre devas konstati la plenan triumfon de ESPERANTO.

Kompreneble,la plej adekvata grundo por prosperigi Nian Internacian Lingvon, por triumfigi ESPERANTON ja estas LA PACO !

Do, kara leganto, ĉiu el ni devas, laŭ siaj kapabloj, kontraŭbatali vetarmadon, galaksiajn militojn kaj similajn balastojn, kaj klopodi,ankaŭ laŭ siaj kapabloj,kompreneble atingi PACON!

ADONIS

# AL ANDRES SEGOVIA

("in memoriam")

La hispana gitaro restas muta
ĉar mortis ĝia majstro ANDRES SEGOVIA.
Ĝiaj kordoj jam ne plu vibros
sub la lertaj manoj de la homo
kiu ĝin levis de la "tablaoj" *
ĝis la altaj kaj famaj koncertejoj.

Nun en la ĉielo la anĝelaro ludos
hispanajn gitarojn anstataŭ harpojn
kaj ĉirkaŭante la majstron ANDRES SEGOVIA
certe la "Aranĥueza koncerto"-n ili ludos.

Hiĥono, Junio 1.987

SANTIAGO MULAS

* Podioj kie oni ludas la andaluzajn dancojn

# La verda komisarejo

## OFICIALA KOMUNIKO

Anoj de la lingvopolica taĉmento "Verdastelo" arestis novajn lingvoteroristojn, kies nomojn kaj lingvodeliktojn oni sciigas ĉi sube.

DISTRIKTO DE "HEROLDO DE ESPERANTO", n-ro 10-11 (1765-66), de la 10ª de Septembro 1986

La t.n. INTERNACIA, kiu aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la 22ª kaj 23ª linioj de la 5ª kolumno (sub "Filatelio") de la paĝo 1.

La t.n. BALEDA, kiu uzurpis la oficon de s-ro BALETA en la 7ª linio sub "Luksa fabela "silka vojo"", en la komenco de la paĝo 3.

La t.n. ROMANTIKA, kiu senrajte paradas per la finaĵo "n" en la 7ª kaj 8ª linioj de la samaj loko kaj paĝo.

La t.n. RAKONTO, kiu agas same en la 8ª linio de la samaj loko kaj paĝo.

La t.n. FREMDIGAS, kiu ne kapablis kontentige klarigi, kian rolon li havas en la 3ª linio de la 1ª kolumno de la paĝo supre citita.

La t.n. NOMATOJ, kiu proprigis al si la postenon de s-ro MONATOJ en la 22ª linio de la 4ª kolumno (sub "Jubilea Jaro") de la kvara paĝo.

La t.n. DIVIDI, kiu uzurpas la oficon de s-ro PARTOPRENI EN en la 7ª linio sub "Polaj infanoj turneis en Svedio" tiel devigante s-ron VIVO sin ornami per la finaĵo "n" en la kvina paĝo.

La t.n. KOMPUTORAJ, kiu uzurpas la rolon de s-ro KOMPUTERAJ en la 3ª linio sub "Eduka fondaĵo "Carson"" ĉe la fino de la paĝo 6.

La t.n. ET-LIBRETOJ, kiu aŭdacas sin prezenti en la linio 6ª de la 5ª kolumno de la paĝo 7 vidigante la finaĵon "n" tute senrajte.

La t.n. PRIPENSI, kiu propragas al si la metion de s-roj ONI kaj PRIPENSAS en la 31ª kaj 32ª linioj de la 1ª kolumno de la paĝo 8.

La t.n. TIU, kiu ne kapablis klarigi la kialon de lia ĉeesto en la 34ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. PTOJN, kiu uzurpas la metion de s-ro PES, en la linioj 74ª, 75ª - 76ª, 78ª kaj 79ª de la 6ª kolumno de la sama paĝo.

La t.n. PTOJ, kiu agas same en la 80ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

EN LA SAMA DISTRIKTO, n-ro 12 (1767), de la 10ª de Oktobro 1986

La t.n. NENIO, kiu aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la 6ª linio de la 2ª kolumno (sub "Okaze de la Jaro de la Paco: intervjuo kun Claude Piron") de la paĝo 1.

La t.n. RETOROMANĈA, kiu uzurpas la postenon de s-ino RETIROMANĈA en la 29ª linio de la 4ª kolumno (sub "Ni gratulas") de la paĝo 3.

La t.n. ĈIU, kiu senrajte sin ornamas per la finaĵo "n" en la 14ª linio (sub "Foto 3") de la 5ª linio de la paĝo supre menciita.

La t.n. ESPERANTO, kiu aŭdacas paradi sen la deviga finaĵo "n" en la 11ª linio (sub "Foto 1") de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. TEKSTO, kiu agas same en la 22ª linio de la sama kolumno de la - sama paĝo.

(daŭrigo sur la paĝo 5)

# KARLO

Unuakta teatraĵeto verkita de Meg Blacker

(La patro legas ĵurnalon, la patrino trikas. La patro estas sen ŝuoj kaj havas truojn en siaj ŝtrumpoj. Sonas frapo ĉe la pordo. La patrino iras al la pordo kaj revenas kun telegramo.)

PATRINO: Iu estas morta ! Mi scias, ke iu estas morta !

PATRO: Donu ĝin al mi, malsaĝa virino.

(Ŝi donas la telegramon al la patro, kiu malfermas ĝin)

PATRO: Ĝi estas de Johanino.

PATRINO: Johanino estas morta, mi scias tion !

PATRO: Ne estu malsaĝa. Johanino ne povus sendi telegramon se ŝi estus morta. Ŝi alvenos hejmen je la dua horo. Nun estas preskaŭ la dua. Ŝi telegrafis: "Ni alvenos je la dua horo. Johanin kaj Karlo."

PATRINO: Kiu estas Karlo ? Mia filineto havas amaton.! Si edziniĝos ! Mia kara filineto, mi ne kontraŭstaros tion ! Mi devas havi belan novan robon por la geedziĝo.

PATRO: Estos sufiĉe por mi havi novajn ŝtrumpojn sen truoj !

PATRINO: Ĉu ni okazigos la geedziĝo en la katedralo aŭ en la urbdomo ? Nenio estas tro bona por mia filino.

PATRO: Ni okazigos ĝin en la "Rozo kaj Krono" . Tie oni havas bonan bieron — kaj ĉiuj miaj amikoj povos ĉeesti.

PATRINO: Viaj amikoj ! Se ili ĉeestos, mia patrino ne ĉeestos. Vi scias, ke ŝi estas prezidantino de la Bando de Espero kaj ŝi ne ŝatas bieron.

PATRO: Ho, mi memoras, ke ŝi ne estis tute sobra ĉe la geedziĝo de via frato !

PATRINO: Tio estis pro ĉampano. Ĉampano estas sinjorineca trinkaĵo. Ne la sama kiel tiu vulgara biero !

PATRO: Se miaj amikoj ne povos ĉeesti kajtrinki bieron, vi ne havos vian patrinon kaj vian novan robon.

PATRINO: (plorante) Vi estas kruela viro. Mi iros hejmen al mia patrino. Neniu amas min !

PATRO: Nu, nu, mia kara ne ploru. (Li prenas poŝtukon el sia poŝo kaj viŝas ŝiajn okulojn.) Vi havos vian katedralon, vian urbdomon, vian ĉampanon, kaj vian patrinon por bona mezuro !

(La pordo malfermiĝas kajJohanino envenas. Ŝi kisas siajn panjon kaj paĉjon.)

JOHANINO: Saluton, panjo kaj paĉjo. Plaĉas al mi esti ĉe mia hejmo.

PATRINO: Kie estas Karlo ?

JOHANINO: Karlo ? Mi lasis lin en la enirejo.



PATRINO: Do iru kaj konduku lin en la ĉambron. Mi volas renkonti lin.

JOHANINO: Panjo ne ekscitiĝu. Karlo estas tute sekura en la enirejo.

PATRO: Eble vi ne komprenas, ke ni multe volas vidi lin. Efektive ni havas la rajton renkonti lin. La junulinoj estas senpripensaj.

JOHANINO: Mi ne komprenas, kial vi tiel multe deziras tion, sed mi iros kaj envenigos Karlon.

(Ŝi eliras la ĉambron)

PATRO: (Al sia edzino.) Estas evidente, ke oni devas esti firma pri la junulinoj. Tiel ili respektas nin.

(Re-envenas Johanino kun granda artefarita ludila urso.)

JOHANINO: Jen estas Karlo. Mi gajnis lin en lotado.

F I N O

Sendis: Dobos Ferec el Budapest, Hungario

  

(daŭrigo de la paĝo 3)

La t.n. KOMPAKTO, kiu uzurpas la rolon de s-ro KOMPATO en la 3ª linio (sub "Dankon al ĉiuj") de la 4ª kolumno de la sama paĝo.

Post unutaga restado en la PIV (Punaj Instalaĵoj por Vortfuŝistoj) kaj ricevo de po kvin batoj per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliaj vertoj, ĉiuj tiuj arestitoj estis liberigitaj.

Esperburgo, en la 20ª de Aprilo 1987

LA ĈEFKOMISARO,

Al. ZIBJADES

  

(daŭrigo de la paĝo 10)

modernaj esprimoj de la pentro arto, kvankam evidente ili bone scias, ke, kiel pentraĵoj, tiuj modernaĵoj havas nenian valoron.

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL

  

N E P R E   E K L E R N U,   P R A K T I K U   K A J   D I S V A T I G U

E S P E R A N T O N,   P O R   K E   Ĝ I   T R I U M F U   E N

L A   D U A   J A R C E N T O !

# Niaj Geamikoj el....

## ...Bulgario

# Trakja Fabelo



En la unuaj tagoj de 1986-a jaro ĝojigis nin ĉiujn la sciigo pri la trovita en vilaĝo Rogozen (distrikto Vraca), antikva arĝenta trezoro.

La trovitaĵo, apartenanta antaŭ 2400 jarojn al riĉa traka reganto nun estas posedaĵo al nia tuta popolo. La herooj de tiu traka fabelo estas 165 arĝentaj objektoj - trinkvazetoj, bokaloj, fialoj, gobeletoj kovritaj per fajna ornumo. Ili ĉiuj kuŝis en la tero jarcentojn, silentis...



Nun, ĉiu el ili rakontas la fabelon pri la rigora viro, kapabla bone kulturi kaj defendi sian terposedaĵon, - pri la laboremaj manoj, kreintaj tiun fajnecon, pri la zorgemaj virinoj-dommastrinoj, uzintaj ilin per amo kaj fiero ! Fabelo pri la eternaj homoj sur tiu eterna tero, pri iliaj impetaj turmentoj, pri la strebo - diveni la nediveneblajn sekretojn, transdoni al la generacioj la korektitan por unu vivo saĝecon kaj - amon.

La trezoro estas vera trezoro pro la simpla varmeco kaj sopiro al la vivo. Severaj, sed trankvilaj geometriaj figuroj, en kiuj la trakoj serĉis kaj trovis la harmonion de la penso kaj sia laboro, emociigas la homajn korojn, sendepende de la aĝo. Nekonata majstro reflektis sian senton pri la viva naturo en la stiligitaj flaŭraj ornamentoj, birdoj, figuroj en neretenebla mo-



vo la ŝtorma kurado de ĉevaloj, en la perfekteco de ĉiu detalo de la mitologiaj scenoj. Veraj kaj tiel vivantaj, obsedantaj, fortaj !...

La trovita trezoro alportis ĝojon, sed ankaŭ, kiel ĉiu trovitaĵo kreis multajn surprizojn. La especialistoj kaj la sciencistoj ĉe la esploroj trovis kaj trovas ĉiutage novajn kaj nekonatajn temojn. Ili konstatis, ke ĝi ne estas kolektita de unu fojo. La objektoj estas ellaboritaj dum longdaŭra periodo - de la fino de 5-a jarcento a.n.e., ĝis la mezo de 4-a jarcento a.n.e. Laboris multaj majstroj en multaj juvelirmetiejoj.

Graciaj laŭ sia formo etaj ujoj, vazoj kun preciza kombino de la konturoj kaj la proporcioj, la ripetataj ornamfiguroj - jen la plej belaj verkoj de la juvelira arto de la antikveco. Ili respegulas unu ege fruan parton de la traka mitologio, dediĉita al diversaj dioj kaj diinoj. Krom tiuj diaj elementoj la - specialistoj konstatis prezenton de nekonataj mitologiaj scenoj kaj okazintaĵoj. Ege interesa estas la fialo, sur kiesa profundo estas montrita epizodo de "La Herakla biografio" - "La delogo de la pastrino Avde". Mirinda estas la fajneco de la pozoj, la ĝuste deŝifrita kaj transdonita anatomio.

Post preciza purigo la trezoro komencis malkovri siajn kaŝitajn sekretojn. Estas klare videblaj surskribojn en malnova greka lingvo, elmontrantaj la devenon, la kreanton kaj la posedanton de ĉiu objekto. Diskrete desegnitaj per klingo, gravuritaj per punktaro signoj sur la fundo aŭ sur la koletoj de la fialoj donas informon pri ilia prezo kaj pezo. La surskriboj informas pri la nomoj de la trakaj juvelistoj, iliaj naskiĝlokoj - riĉa materialo por la specialistoj - pri la antikva geografio de la trakoj.

La belegaj arĝentaj ujoj estas ellaboritaj de trakoj por la traka aristokratio - tipa fakto pri la reĝformo de la traka kulturo kaj arto.

La trezoro estis trovita de vilaĝana geedza paro, laboranta en sia kortĝardeno. Ĝia konstanta domo estos la Historia Muzeo en urbo Vraca. Dum kelkaj monatoj ĝi estis ekspoziciita en nia Nacia Historia Muzeo en Sofio. Nun la trezoro triumfe prenis sian vojon tra diversaj landoj.

Senĉesa estas la homa torento, allogata de la pravigebla nacia fiero de - posteulo de antikvaj majstroj. La vizitantoj eniras en kontakton kun la antikveco, estiĝas mutaj antaŭ la fajneco, varieco, brilo kaj eleganteco kaj forportas en si la memoron ankoraŭ por unu beleco, kreita de la homa mano, la memoron pri la mirinda, alloga traka fabelo pri la vivo !...

Sofio, 1986

Verkis: Lilija Pavlova Koleva

# El la Hispana Beletro

# LA POETO DE LA ANDALUZAJ BRILOJ

Manuel Machado Ruiz (1874-1947), naskiĝis en Seviljo. Studis en la Lernejo pri Libera Instruado. Dum pluraj jaroj loĝis en Parizo, kie kontaktis kun la plej famaj poetoj de sia - epoko, kaj ricevis la influon de parnasanoj kaj simbolistoj. Elstara poeto, li regas la koloron gracian kaj popularan de Andaluzio, kiun li majstre pentras per esprimoj elegantaj propraj en la Modernisma skolo, sen artifikaj pitoreskismoj, laŭ la tradicio de la plej antikva poezio. Tiu rafinata andaluzismo brilas en siaj verkoj "Cante hondo" kaj "Ars moriendi".

Kunlabore kun sia frato Antonio, la delikata poeto de la intimaj "sonoraj solecoj", - ambaŭ verkis ankaŭ teatron. Temas pri teatroverkoj, kiuj pli elstaras per la lirikaj valoroj ol per la teatraj meritoj; el ili, ni citu: "La Lola se va a los puertos", "Las Adelfas", — "Juan de Mañara", k.a..

Antaŭ kelkaj jaroj,samideano Julio J. Juanes prezentis al la legantoj de "Boletín", tradukon de unu el la poemoj, kiuj pli famigis al la poeto Manuel Machado, "Kastilio".Mi hodiaŭ elektis, poemeton, ne tiel okulfrape bela sed certe delikate ĉarma. Vi mem konstatu:

## "Diras la fontano..."

Ne, ne silentis la fontano,
ne silentiĝis...

Ĝi ridis,
saltis,
babilis... Kaj neniu sciis
kion ĝi diris...

Klara, gaja, polifonia,
salomona koloneto
traboris
la silenton de Okcidento,
kaj, babilema, erektiĝis
por vidi la sunon forpasantan.

Ne, ne silentis la fontano,
ne silentiĝis...

Kiel noktovejno
traborilo,
frida arĝento,
longiĝis
kaj mallongiĝis...
suprenis,
kaj malsuprenis,
babilis... Kaj neniu sciis
kion ĝi diris...

Kiam la aŭroro revenis.

A. Marco Botella

# ĈU VERE NI PROGRESAS?

Se mi ne eraras, la celo de la homaro estas daŭre plibonigi la vivon de ĉiu homa estaĵo. Evidente al tiu homara deziro oni devas, nepre, aldoni ankaŭ la bonan zorgadon pri la naturo, pri la bestaro kaj pri la atmosfero, ĉar se ni ne okupiĝas pri tiuj tri tiom gravaj facetoj en niaj vivoj, fakte ni elektas malbone la vojon de nia nomata progreso. Al tiuj nepraj kondiĉoj, aldonindaj estas la bonaj rilatoj inter ĉiuj homoj. Ĉi tiuj rilatoj enhavas la rajtojn kaj devojn de ĉiu homa estaĵo, sen diskriminacioj, en ĉiu aspekto de la vivo. Por bona progreso devas ekzisti minimuma interkonsento de kunvivado inter ĉiuj homoj. Kompreneble, por bona kunvivado devas ekzisti ankaŭ leĝoj aŭ reguloj, kiuj kondukos la vivon, por ke ĉiu homo povu samrajte ĝui la vivon. Al tiu progreso ĉiu homarano devas alporti tion, kion li kapablas realigi kaj ricevi laŭbezone por sia vivo, ĉiam en kondiĉoj similaj al la ceteraj homaranoj. Evidente la civitano ne devas zorgi unike pri si mem, sed ankaŭ devas kunlabori kaj kontribui per sia scio al la plibonigo de la socio, en tiuj aferoj, kiuj ne tuŝas rekte la hejman vivon. Do, la homo ne povas fermiĝi hejme, kaj eksplutadi unike siaprofite sian scion, li devas alporti siajn konojn, ideojn, projektojn, al la socio. Ĉi tiu socio ankaŭ ne povas sin konsideri la reganto de la progreso. La socio en bonaj cirkonstancoj devas unike esti la administranto, kiu en ĉiu momento devas respondi pri la bona organizado de ĉiuj facetoj de la vivo, kio siavice devas esti la nura celo de ĉiu homo. La progreso devas alveni, samrajte al ĉiu homo, al ĉiu hejmo. En tiu socio vi povas kompreni, ke devas malaperi aŭ ne ekzisti la tiel nomata solidareco, ĉar ĝi estas sinonimo de diskriminacio aŭ maljustaĵoj. Progreso ne estas la gravaj atingoj de la scienco aŭ la tekniko. Progreso estas la frata kunvivado de ĉiuj homoj. En la nomo de la progreso oni ne devas uzi aliajn homojn, nek animalojn, nek la naturon. La progreso devas veni racie. Se ni malplibonigas la naturon — por atingi sciencajn aŭ teknikajn progresojn, je la fino la rezulto estas, ke ni atencas nian propran vivon. La progreson kompreneble oni povas eltiri de la naturo, sed en formo aŭ per sistemoj logikaj, per la disvolviĝo racia de la tuto konsistiganta nian medion. El meze de ĉi tiu abstrakta ekspono de ideoj kaj pensoj pri bona progreso, oni devas forigi la ideon de homo supera al alia homo. La rilatoj inter la homoj estas la fundamenta bazo por bona progreso. Se ne ekzistas homa klareco pri la rolo de oni mem, ĉiam kun respekto al kaj en reciprokeco kun la aliaj, la progreso fakte ne ekzistos. Skribi aŭ paroli pri la nuna ekzistanta progreso, estas unu el niaj plej grandaj mensogoj.

LUIS SERRANO PEREZ (SABADELL)

# La pentro-arto kaj ĝiaj modernaĵoj

nue, devas resti tre klare,ke la opinioj esprimitaj ĉi tie unike koncernas mian pensomanieron rilate al la anoncita temo. Mi ne scias, ĉu miaj kritikoj al tiuj modernaj pentraĵoj, metas min antaŭ via altranga kulturo, kiel veran analfabeton en tiu tereno de la pentraĵoj. Sed mi jam deziras esprimi miajn vidpunktojn pri ĉi tiu faceto de la kulturo.Krome,kiel civitano tion mi jam rajtas.

Antaŭ nelonge, pere de nia ĉarma televido, oni prezentis al la spektantaro kelkajn pentraĵojn modernajn.Ĉiam oni kutimas diri modernaj, kvazaŭ tiu esprimo donus al la pentraĵoj kroman valoron. Mi miras, kiel kaj el kie oni povas ĉerpi tiom da laŭdoj por pentraĵoj, kiuj konsistas el nenio. Estis iuj el tiuj modernaj pentraĵoj, sen nenia bildo, homo, animalo, arbo, birdo, suno, lumo, herboj, pomo, piroj, trinkejo... ktp, ktp.; la fono estis tute nigra kaj en la anguloj estis du punktoj ruĝaj. La televida parolisto aŭ prezentisto ne ĉesis ŝpruĉi laŭdojn pri la pentraĵoj kaj ilia artisto.Evidente, mi demandas min: sed, kial oni uzas la televidon,kiun ni ĉiuj pagas, por prezenti tiujn aĉajn pentraĵojn ? Sed,ĉu tio estas arto ? Malgraŭ la laŭdoj, li,la prezentisto televida, ne povis konvinki:ili ŝajnis inka makulo. Ĉu niaj nunaj inteligentaj artistoj ne kapablas krei aliajn pli valorajn verkojn ? Kian mesaĝon enhavas tiuj pentraĵoj ? Kial la kritikoj de la spertuloj estas favoraj al tia dekadenco de la pentroarto ? Sur tiu vojo,kien iros tiu branĉo de la kulturo ?

Tiuj pentraĵoj, kiujn mi aludas estas specimeno de tiuj pentraĵoj,kiuj ĉirkaŭas nin. Mi ne bezonas ilin mencii,sed vi bone konas ilin. Tute simple,tiuj artistoj pri kiuj ni tiom fanfaronas havas nenian valoron en la vera senco de la pentroarto. Pentraĵoj konsistantaj el iuj linioj, kiuj intencas montri iun figuron kun stranga formo, atingas prezojn skandalajn. Estas aliaj ankoraŭ pli lertaj , nome tiuj pentristoj, kiuj uzas la tiel nomatajn "gluaĵojn". Estas ridinde,ke al tiuj pentraĵoj, oni dediĉas tiom da tempo. Estas ridinda ankaŭ la apogo,kiun la plej altrangaj aŭtoritatoj dediĉas al tiuj mizeraj pentraĵoj. Kio okazas?La grandaj negocistoj de tiu komerco bezonas "ion" por vendi. Ne aperas pentristoj,kiel tiuj antaŭaj, tre bone konataj de ni ĉiuj, kaj la negocistoj plialtigas tiujn - modernajn pentraĵojn ĝis la pinto de la valoro arta kaj ekonomia. La kolektantoj de tiuj verkoj de la kulturo, ankaŭ deziras, ke en siaj kolektoj troviĝu la nunaj

(daŭrigo sur la paĝo 5)

# Humuraĵoj

## SENLUMA PROVINCO

Oni rakontas, ke iam iu reĝo kun soldataro atingis la finon de la mondo, kaj tie iun senluman provincon, kie estis mallume.

Irante, la soldatoj sentis sub la piedoj malgrandajn ŝtonojn. Subite ili ekaŭdis iun voĉon: "kiuj el vi kunportos la ŝtonetojn, tiuj - pentos, sed kiuj ne kunportos, ankaŭ ili pentos". Iuj el la soldataro pensis: "Se mi pentos, kial mi ilin kunportus ?" Aliaj pensis, ke estos bone kunporti almenaŭ unu ŝtoneton, kaj ili tiom faris.

Kiam poste ili eliris el la senluma provinco, ili rimarkis ke tiuj ŝtonoj estas juveloj. Kaj vere tiuj, kiuj ne kunportis ilin, pentis: Kial ili ne kunportis ilin ?, kaj aliaj pentis, ĉar ili ne kunportis pli multe.

## PRO HUNDOJ

Vivis iu riĉa kamparano sur la bieno sen hundo, sed li persone bojis nokte ĉirkaŭ la bieno.

Li ne volis nutri hundojn, ankaŭ hundoj ĝenus lin pro nokta bojado. Finfine li havis pli fortan voĉon ol kiu ajn hundo.

Dum multaj noktoj la kamparano bojis timigante ŝtelistojn. Iun fojon iu el liaj servistoj demandis lin kial li subite ĉesis plu nokte - boji.

La riĉa kamparano diris al la servisto, ke li ellernis hundan lingvon dum la nokta bojado, kaj li povis kompreni kion parolis najbaraj hundoj. Nome ili parolis:

-"Estas facile al ĝi boji nokte tiel forte, ĉar tage ĝi eniras en la haŭton de la kamparano kaj manĝas bonan manĝaĵon".

La servisto diris, ke ankaŭ la homoj el tiu ĉi vilaĝo pensas, ke nokte bojas vera hundo.

Fine la kamparano aldonis:

-"Ne gravas tio, kion parolas la homoj, sed mi ne povas permesi - kaj toleri, ke simplaj najbaraj hundaĉoj opinias, ke mi estas hundo".

Jugoslavaj popolaj rakontoj tradukis por "HELECO" Branka Leontić, profesorino el Ŝabac

# DISTRAĴOJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | N | E | R | V | D | E | N |
| P | E | R | O | D | A | N | O |
| A | R | L | L | I | N | L | O |
| L | G | U | A | S | U | O | Z |
| O | I | R | O | T | B | R | I |
| E | L | U | S | B | O | I | M |
| D | E | I | S | U | I | Z | A |
| A | V | O | N | E | R | E | T |

Tiu ĉi kvadrato plena de literoj enhavas ses nomojn de riveroj.
Serĉu ilin !
Por la celo vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## HELECO-ENIGMO

1 2 3 4 5 6 7 8 9 10 11 12 13 14 15

A

B

C

Ĉ

HORIZONTALE

A) Prep. esprimanta iel nenormalan, neatenditan foreston aŭ iom esceptan penigan mankon de objekto aŭ persono, de stato aŭ ago. B) Senti malagrablan konfuziĝon k humiliĝon pro konscio je malhonoraĵo, malhonestaĵo, maldecaĵo. Juna lakeo, precipe en hoteloj kaj kafejoj. Sovaĝa karnomanĝanta besto, simila al granda kato. Manĝa k trinka diboĉo. Granda dekpieda markrustulo, kies ambaŭ unuaj piedoj estas tre dikaj k pinĉilformaj. C) Prepoz. montranta la kaŭzon, motivon de ago. Adv. signifanta "pli ol sufiĉe, ol necese, ol konvene, ol ĝustamezure. Ĉ) Lirika poemo, dividita en strofoj, ordinare similaj inter si. Flava metalo, tre densa, facile fadenigebla, multvalora, kiun oni uzas por juveloj k moneroj. Jara profito pro pruntedonita mono, valorpaperoj, kc. Regula aranĝo de aferoj, laŭ kiu ili taŭge kaj oportune rilatas inter si en spaco, tempo, spirito, socia vivo. G. de mamuloj, kies buŝego plilongigita k korneca similas al anasa beko. Ricevi ion por ĝin uzi dum difinita tempo, pagante interkonsentita prezo.

VERTIKALE

1) G. de lacertoidoj kun kolorŝanĝema haŭto. 2) Muzika ligna blovinstrumento kun duobla langeto k klavoj. 3) G. de grandaj lacertoidoj brilkolora k kies karno estas tre ŝatata. 4) Muzika kvar aŭ seskorda instrumento, per kiu oni ludas pinĉante la kordojn 5) Prep. montranta rimedon dank'al kiu estas atingata ia rezultato. 6) Argileca mineralo konsistanta grandparte el ferika oksido aŭ ferika hidroksido k. uzata kiel farbo. 7) Kupra blovmuzikilo kun klapoj. 8) Granda, subtera tombejo de antikvaj popoloj. 9) Surtera senkonka viskeca molusko, manĝanta vegetaĵojn. 10) Infuzaĵo. 11) Izola loko, verda k kvazaŭinsula meze en la sabla maro de la dezerto, kaj kovrita de vegetaĵoj pro ekzisto de fonto. 12) (inverse) Trielektroda lampo. 13) Kolektiva. 14) Manĝaĵo el kirlitaj ovoj, kuiritaj en pato kun butero aŭ oleo kaj spico. 15) Kredi, ke iu aŭ io estas ia;sen efektiva pruvo konsideri iun aŭ ion kiel posedantan tian karakteron.

SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 55ª NUMERO DE "HELECO"

HELECO-ENIGMO:

HORIZONTALE:

A) Sed. Tre. Sep. B) Kuri. Kaĉo. Dormi. Baso. C) Omo. Pedelo. Pediko. Pro. Ĉ) Oni. Opio. Aŭguro. Orlo. Oksido. Okro(ERARO). Gi.

VERTIKALE:

1) Decigramo. 2) Obei. 3) Teleso. 4) Edelvejso. 5) Pavo. 6) Kaduka. 7) Ino. 8) Sindikato. 9) Peritoneo. 10 Pato. 11) Kadmio. 12) Odo. 13) Daimio. 14) Pilo. 15) Iro. 16) Barelo. 17) Ofendi.

SUPO DE LITEROJ:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | B | I | N | E | I | C | O |
| S | O | N | O | D | N | O | L |
| O | R | A | H | E | D | I | A |
| Z | O | N | O | T | S | A | V |
| I | S | M | E | B | A | L | I |
| R | F | L | O | U | S | C | E |
| A | I | N | T | R | I | O | N |
| P | O | K | A | N | O | M | O |

Labo dona
bo-staon, mal-
l b ro m satrn

PERGAMENO

De la ĉi-apuda malnova pergameno, la forpaso de la tempo forviŝis diversajn literojn. Ĉu vi kapablas rekonstrui la mesaĝon ?